# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**




**N-ro 64**
**Bulteno de KAEM**
**Julio 2009**

---



## Ni Kudru Reton antaŭ ol Uzi Ĝin!

Ranganayakulu, sekretario de KAEM
<ranganayakulu@gmail.com>

Karaj Aziaj Esperantistoj,

Kiam Budho eltrovis la 'veron' de la vivo, li eklaboris disvastigi ĝin. Tiam, li povis emancipiĝi mem anstataŭ instrui al aliaj. Sed li strebis instrui aliajn dum sia tuta vivo. Post Budho la movado disiĝis en du pecojn. Unua skismo opiniis, ke ne gravas disvastigi la instruon de Budho, sed gravas propra emancipiĝo el la materia mondo. La dua branĉo opiniis, ke ni prokrastu nian propran emancipiĝon kaj ni instruu aliajn. Tiuj du branĉoj famiĝis kiel Hinajano kaj Mahajano. Kiu estas ĝusta? Oni ne povas diri.

Kiam Zamenhof elkreis Esperanton el la blua ĉielo, li ne havis tian opcion. Li devis instrui Esperanton al aliaj. Alie la movado por la internacia lingvo ne naskiĝus. Li movadadis dum sia tuta vivo por instrui la lingvon al ceteruloj. Post la centjariĝo, bedaŭrinde, ni ankoraŭ ne havas lukson simple lerni kaj ĝui Esperantan vivon, ĉar esperantistoj en la mondo, pliĝuste en Azio, estas ege maldensaj. En

la nuna momento, ne eblas esperante-vivi, ĉar la Esperanto-socio ankoraŭ estas malgranda. Do, ni devus lerni la lingvon por instrui al aliaj! kaj naski multajn!

Kiam mi estis juna kaj volis lerni Esperanton, mia celo estis ĝui la Esperantan vivon: vojaĝi, lerni, studi, helpi, kongresi ktp. Post tridek jaroj, mi ankoraŭ trovas la mondon senhoma kaj Esperanton ne uzebla, ĉar la nombro de esperantistoj en Azio estas malkuraĝiga. Ĝuste pro tio mi turnis min al la movado antaŭ du-tri jardekoj. Ni semas kaj semas. Tre malmultaj burĝonas. Tamen ni semu. Semi en Azio estas pli grave.

KAEM fondiĝis en la jaro 1994. Ĝis nun KAEM organizis kvin Aziajn Esperanto-Kongresojn en diversaj landoj. La lasta kongreso okazis en Barato en 2008. La sesa Azia Kongreso okazos en Mongolio en 2010. KAEM ne nur organizas kaj arigas aziajn esperantistojn, sed ankaŭ informas, eldonas, kuraĝigas, apogas ktp. En pasintaj kelkaj monatoj KAEM apogis eldoni la Esperanto-vortarojn en Nepalo kaj Srilanko, membrigis multajn aziajn aktivulojn al UEA, donacas librojn al landaj asocioj en Azio. Mi konstatas, ke ankoraŭ ni ne havas eblecon lerni Esperanton nur por ĝui Esperantan vivon, sed havas devon disvastigi la lingvon. Ni konstruu nian reton antaŭ ol uzi ĝin! KAEM estas taŭga kaj ĝusta podio por tion fari. Bonvolu veni kaj aliĝi al KAEM.

## Serĉataj Estas Ludantoj en Arta Vespero en la AK

La programeroj povos esti: koruso, sola kanto, danco, eta teatraĵo (maksimume 10 minutoj), nacivestaĵa prezentado, nacimuzika prezentado ktp.

Bonvolu rekte kontakti min por ke ni povu pliriĉigi la enhavon de nia kongreso!

Eruda Li (Komisionano pri arta aranĝo por la 6-a AK)
<erudahk@eyou.com> Skype nomo: erudali

## Gratulon al Mongola Esperanto-Societo

La 31an de julio en la komitata kunsido de UEA dum la 94a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko, Pollando, Mongola Esperanto-Societo estis akceptita kiel la 70a aliĝinta membro de UEA. Nun en Azio troviĝas 11 landoj aliĝintaj al UEA.

---

## Dankletero de Mongola Esperanto-Societo

Estimataj komitatanoj de Universala Esperanto-Asocio,

Nome de mongolaj esperantistoj ni elkore dankas vin pro tio, ke vi akceptis nian peton pri aliĝo de Mongola Esperanto-Societo kiel landa asocio al UEA. Ni certe kredas, ke via decido malfermos novajn paĝojn de historio de Esperanto-evoluo en Mongolio. Ĝi estas granda evento por mongolaj esperantistoj, kaj multe ĝojigas kaj kuraĝigas nin.

Respektante la Statuton de Universala Esperanto-Asocio ni forte laboros por disvastigi Esperanton kaj ĝian homaranisman ideon en nia patrolando. Mongola Esperanto-Societo daŭre penos doni niajn respektivajn partojn solidare aliĝante al internacia agado por kune realigi nian komunan celon, la celojn de UEA.

Sincere dezirante al vi sukcesplenan agadon, kun estimoj,

Estraro de Mongola Esperanto-Societo
Enkhee.Ch <enchjo@yahoo.com>

## Vizitu Retejon de la Azia Kongreso

Jen la retejo de la AK en Mongolio <www.mongolio.info>, en kiu vi trovos retan aliĝilon.

La kongresejo estas “Chinggis Khaan Hotelo” (4-stela) <www.chinggis-hotel.com>.




# Unua Bulteno de la 6-a Azia Kongreso de Esperanto

19-23 junio 2010, Ulanbatoro, Mongolio

**Provizora programo**

| | |
|---|---|
| *16-18 junio 2010* | Antaŭkongresaj ekskursoj |
| *19-23 junio 2010* | Kongreso |
| *23-28 junio 2010* | Postkongresaj ekskursoj |

La plena Unua Bulteno estas en la suba retadreso.
http://esperanto.co.kr/bbs/data/festo/1248164856/ub.jpg

# Sukcese Okazis la 94a UK en Bjalistoko

Memore al la 150a datreveno de naskiĝo de d-ro Zamenhof, la 94a UK okazis en lia naskiĝurbo Bjalistoko, Pollando, inter la 25a de julio kaj la 1a de aŭgusto kun la partopreno de ĉirkaŭ 2000 esperantistoj el 63 landoj.



**Dum la Solena Inaŭguro junulinoj kantis bele en Esperanto.**

En "la listo de kongresanoj" en la Kongresa Libro troviĝas 277 azianoj (15.7%) el la tuta aliĝintaro 1766 ĝis la presado:
Ĉinio: 42, Hinda Unio: 1, Irano: 10, Israelo: 17, Japanio: 176, Kazaĥio: 8, Koreio: 13, Mongolio: 1, Nepalo: 3, Pakistano: 2, Uzbekio: 1, Vjetnamio: 3

Dum la kongreso KAEM organizis "Fermitan KAEM-kunsidon" (la 27an de julio, 90 minutoj), "Azian Agadon" (la 28an, 2 horoj), kaj malfermis budojn dum Movada Foiro kaj dum la kongresaj tagoj.

# REZOLUCIO
# DE
# LA 94-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 94-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Bjalistoko de 25a de julio ĝis 1a de aŭgusto 2009, kun partopreno de preskaŭ 2000 homoj el 63 landoj en la jaro de la 150-a datreveno de la naskiĝo de la kreinto de Esperanto, Lazar Ludwik Zamenhof, kaj samtempe en la Internacia Jaro de Akordiĝo proklamita de Unuiĝintaj Nacioj,

diskutinte la kongresan temon "Krei pacan ponton inter la popoloj: Zamenhof hodiaŭ", kaj studinte kun aparta atento la vivon kaj verkojn de Zamenhof,

notinte la fakton, ke la urbo kaj regiono de Bjalistoko pli kaj pli rekonas la escepte gravan rolon, kiun Zamenhof ludis kaj daŭre ludas kiel monde rekonata figuro en la morala evoluo de la homaro,

konsciante, ke tiu rekono konkretiĝis interalie en la malfermo de Centro Zamenhof fare de la urbaj aŭtoritatoj de Bjalistoko, kaj en propono, ke la Bjalistoka Universitato ricevu la nomon Zamenhof,

memorigante, ke okaze de la 100-a datreveno de la naskiĝo de Lazar Ludwik Zamenhof Unesko rekonis lin kiel unu el la grandaj personecoj de la mondo, kaj ke tra la jaroj venis multaj similaj rekonoj pri la meritoj de Zamenhof kiel granda monda pensulo,

kaj gratulante Unuiĝintajn Naciojn pro ĝiaj iniciatoj rilate al la ideo de akordiĝo, tiel esenca en mondo kiun dividas malakordoj pro antaŭjuĝoj kaj manko de toleremo,

konstatas, ke
1. Per la internacia lingvo Esperanto, Zamenhof kreis unike efikan ilon de internacia komunikado sur neŭtrala bazo, sen favori unu popolon super alia, kaj sen favori unu etnan lingvon super alia, kaj ke tra pli ol 120 jaroj da uzado Esperanto pruvis sian taŭgecon kiel internacia lingvo plene adaptebla kaj adaptita al ĉiuj komunikaj bezonoj.
2. Tamen, Zamenhof samtempe komprenis, ke lingvo estas kolektiva posedaĵo, kaj konfidis la evoluon de sia lingvo al ties komunumo de uzantoj, tiel ke Esperanto kaj ĝia kulturo fariĝis esence kreaĵo kolektiva, kiu evoluis en

spirito de lingva demokrateco.
3. Tion farante, Zamenhof ankaŭ rekonis, ke utiligo de neŭtrala lingvo en la internaciaj rilatoj helpus konservi lokajn kaj regionajn lingvojn kaj kulturojn kaj la identecon de ties komunumoj.
4. Zamenhof ankaŭ signife kontribuis, per siaj verkoj kaj agoj, al klopodoj forigi la malamikecon inter la anoj de la diversaj religioj, al forigo de rasaj antaŭjuĝoj, kaj al rifuzo de milito kiel akceptebla maniero solvi disputojn – valoroj same gravaj en la nuna epoko kiel en la epoko de Zamenhof.
5. Sekve, Zamenhof plene meritas pli da atento ne nur kiel kreinto de lingvo sed kiel persono, kiu strebis al aŭtenta frateco inter la homoj surbaze de plena kaj reciproka kompreniĝo.
6. Tia frateco povas veni nur kiam la homoj interkompreniĝas en recipoka respekto – procedo, en kiu Esperanto povas ludi kaj jam ludas unikan rolon.
7. Interkompreniĝo estas esenca paŝo al tiu profunda kaj daŭra akordiĝo, kiu estas la celata idealo de la Internacia Jaro de Akordiĝo.
8. Akordiĝo eblas nur en situacio, en kiu lingvaj diferencoj ne formas baron al egaleca dialogo.
9. En tiu senco Esperanto estas unike taŭga kiel bazo por daŭra akordiĝo, kaj Universala Esperanto-Asocio, per sia atento ankaŭ al moralaj valoroj kaj al respekto de homaj rajtoj, povas signife roli en plenumo de la celoj de la Internacia Jaro de Akordiĝo.

## Raporto pri la “Fermita KAEM-kunsido”

Dato: la 27an de julio 2009, 14:00-16:00
Prezidis s-ro Lee Jung-Kee (Koreio).
Ĉeestantoj:

KAEM-anoj: s-ro Sasaki Teruhiro (Japanio), s-ino Indu Tapaliya (Nepalo), s-ino Esti Sebban (Israelo), s-ro Jiang Limin (Ĉinio, anstataŭanto), s-ino Nguyen Thi Phuong Mai (Vjetnamio, anstataŭanto)

UEA-ano: Hori Jasuo

Observantoj: s-ino Tahira Masako (Internacia Fako de Japana Esperanto-Instituto, kunlaboranto de KAEM), s-ro Amri Wandel (prezidanto de Esperanto-Ligo en Israelo), s-ino Majra Baradosova (Kazaĥio), s-ro Valentin Seguru (Rusia

Esperantista Unio), s-ro Nan Youli (Ĉinio), s-ro Park Wha-Chong (prezidanto de Korea E-Asocio), s-ro Inumaru Humio (Organiza Fako de JEI), s-ino Syozi Keiko (vicprezidanto kaj Ĝenerala Fako de JEI)

Materialoj: Jarlibro de KAEM 2009, Unua Bulteno de la 6a AK.

Raportanto: HORI Jasuo



**Unua vico: de maldekstre, Hori, Sasaki, Mai, Esti, Indu, Majra, dua vico: Park, Syozi, Nan, Lee, Tahira, Inumaru, Valentin**

**Diskutoj kaj decidoj**

1. La 6a Azia kongreso en Mongolio 2010

Celnombroj de partoprenantoj: Japanio 100, Koreio 50, Ĉinio 50, Mongolio 30, aliaj azianoj 50, neazianoj 50 sume: 330

El Rusio multaj estas atendataj, ĉar du-trionoj de Rusio apartenas al Azio kaj multaj loĝas apud Mongolio.

Unua Bulteno de la AK aperis ĝustatempe por la UK.

2. La 7a Azia Kongreso en 2012

Ankoraŭ neniu lando kandidatiĝis. En Mongolio ni decidos la lokon.

3. Subvencio por Esperanto-Instruado en Laoso

En oktobro aŭ novembro s-ro Tran Quan Ngoc (vicprezidanto de KAEM, Vjetnamio) gvidos kursojn en Vientiano, la ĉefurbo de Laoso. Por lia veturkosto kaj restado KAEM elspezos 600 eŭrojn.

4. Subvencio al vjetnama junulo, kiu partoprenos en la 28a KS

La 28a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj (KS) okazos la 26an-28an de decembro 2009 en la urbo Nankino, Ĉinio. Vjetnamio invitos la 29an KS-on al Vjetnamio, memore al la 1000-jara datreveno de la urbo Hanojo en 2010. Unu vjetnama junulo partoprenos en la ĉi-jara KS por lerni la organizan manieron de KS. KAEM subvencios 350 eŭrojn por liaj vojaĝo kaj aliĝo.

5. Elekto de novaj KAEM-anoj ĝis la 6a AK

Por alkomformiĝi al la mandato de UEA, KAEM decidis, ke la mandato de la nunaj KAEM-anoj estu finita dum la 6a Azia Kongreso en 2010. Laŭ tiu decido, aliĝintaj landaj asocioj elektu sian KAEM-anon antaŭ la AK en Mongolio kaj dum la kongreso novaj KAEM-anoj elektos la novan prezidantaron.

6. Aliaj aferoj

1) Honkongo volas aliĝi al UEA kaj KAEM
Honkongo apartenas al Ĉinio, do sendependa aliĝo de Honkongo al UEA ne eblas.

2) S-ino Heidi Goes (Belgio, aŭtoro de "Esperanto en Indonezio" en la revuo de KAEM "Esperanto en Azio") vizitos Indonezion ĉi-jare. Se okazos la UK en Vjetnamio en 2012, ŝi denove iros al Indonezio por instrui Esperanton.

3) En Kazaĥio dise estas esperantistoj kaj ne ekzistas Esperanto-asocio. S-ino Majra Baradosova volas organizi la asocion helpe de UEA kaj KAEM.

## Raporto pri la kunsido “Azia Agado”

Dato: la 28an de julio 2009, 10:00-12:00
Prezidis s-ro Lee Jung-Kee (Koreio)

Sur la podio estis s-ro Sasaki Teruhiro (Japanio), s-ino Indu Tapaliya (Nepalo), s-ino Esti Sebban (Israelo) kaj s-ro Hori Jasuo (UEA)

Ĉeestantoj: pli ol 40 homoj
Raportanto: HORI Jasuo



**1. Raportoj**

1) Landaj agadoj

S-ro LEE (Koreio) montris komputile bildojn de la agadoj en aziaj landoj.

S-ino Nguyen Thi Phuong Mai (Vjetnamio) prezentis hodiaŭan movadon de Vjetnamio kun bildoj.

LEE montris bildojn de sia vojaĝo al Vjetnamio kaj s-ino Nguyen Thi Phuong Mai (Vjetnamio) aldone parolis pri la fotoj.

S-ino Majra Baradosova parolis pri la movado en Kazaĥio.

S-ino Indu Tapaliya (Nepalo) parolis pri la 8a Internacia Himalaja Renkontiĝo.

S-ino Esti Sebban (Israelo) parolis pri la israela movado.

S-ro Sibayama Zyun’iti (prezidanto de JEI) parolis pri la movado (du japanaj kongresoj en 2009 en Kohu kaj 2010 en Nagasaki, kaj komuna kongreso inter Koreio kaj Japanio okazonta en la urbo Busano, Koreio, en 2011)

2) Agado de KAEM

S-ro Sasaki parolis pri Projekto C (membrigo de aktivuloj al

UEA), kaj s-ro Hori aldone parolis pri la tuto de “Projektoj de KAEM”, kies parto estas Projekto C.

3) Alvoko al la 6a Azia Kongreso (junio, 2010 en Mongolio)

**2. Demandoj kaj opinioj**

S-ro Dennis Keefe (Francio): Nankina Universitato, Ĉinio, kie mi laboras, havas planon inviti esperantistajn instruistojn.

S-ro Aŭgusto Casquero (Hispanio): Mi instruis la hispanan en Kantono, Ĉinio. Mi denove iros al Ĉinio dum 4 monatoj por la sama laboro.

S-ro Ulrich Lins (Germanio): Ĉu KAEM ne povas subvencii al la partoprenontoj al la UK same kiel en la 92a UK en Jokohamo?

LEE respondis: Kiu invitis azianojn al la UK en Jokohamo, tiu ne estis KAEM, sed JEI.

S-ro Valentin Seguru (Rusio): S-ino Loskutova Tatjana <lota49@mail.ru>, kiu organizis la vojaĝon de Sankt-Petersburg al Jokohamo en 2007, same organizos vojaĝon de Sankt-Peterburgo, tra Moskvo kaj Baikal, ĝis Ulanbatoro.

S-ro Ago Takasi (Japanio): Mi instruas Esperanton en Ulanbatoro. Mi helpas la LKK-on de la 6a AK.

S-ro Park Wha-Chong (prezidanto de Korea E-Asocio) transdonis mondonacon al Fondaĵo Azio el la subaj homoj al la prezidanto.

**Koreaj Mondonacintoj al Fondaĵo Azio**

| | |
|---|---|
| 1. S-ro LEE Jung-kee | 2. S-ro MA Young-tae |
| 3. S-ro KIM Jin-ho | 4. S-ro PARK Jong-young |
| 5. S-ino CHONG Myung-hee | 6. S-ino CHONG Ae-ja |
| 7. S-ro CHOI Yoo-sik | 8. D-ro BAK Giwan |
| 9. S-ino MIN Hyun-kyung | 10. S-ino KIM U-son |
| 11. S-ro CHANG Jin-soo | 12. S-ro KIM Hee-Seok |
| 13. S-ro LEE Hong-jin | 14. S-ro YANG Seong-ji |
| 15. S-ro HONG Sungcho | 16. S-ino CHONG Hyun-joo |
| 17. S-ro IM Hanu | 18. S-ino OH Soon-mo |
| 19. S-ino Park Mi-sook | 20.S-ino Min Jung-jin |
| 21. S-ro LEE Sung-woo | 22. S-ino LEE Young-wha |
| 23. S-ro PARK Yong-sung | 24. S-ino BAK Su-hyeon |
| 25. S-ino KIM In-so | 26. D-ro PARK Hwa-chong |
| 27.S-ro LEE Hyun-hee | |

**Koreio**

# Raporto pri Korea Esperanto-Movado en 2008

**Ĝeneralaj aferoj**

1. Korea Esperanto-Asocio estas fondita la 31an de julio 1920 kaj la landa asocio de UEA ekde la jaro 1976.
2. Nombro de la membroj: ĉirkaŭ 250, krom filiaj membroj kaj interretaj membroj.
3. Decidrajton plej altan havas la Kunsido de Deputitoj, kaj Estraro kun laborperiodo de 3 jaroj konsistanta el maksimume 20 personoj plenumas aferojn komisiitajn de la Kunsido de Deputitoj.

**Eldonado**

1. *La Lanterno Azia* estas la oficiala organo de la asocio, kiu eldoniĝas ĉiumonate krom julio-aŭgusta numero. La financon subtenas plejparte la reklamo sur ĝi.
2. La asocio eldonis jenajn librojn: "*Elektitaj Zamenhofaj Proverboj*", kiun oni serie aperigadis en *La Lanterno de Azio*, "*Historio de Esperanto-Movado kaj d-ro KIM Sam-su*" kompilita de CHO Myeong-ja kaj "*LEE Chong-yeong, gvidanto nia*", kompilita de KIM U-son.
5. MA Young-tae eldonis "*English-Esperanto Conversation*".

**Organizado**

1. La asocio organizis la 40an Korean Kongreson de Esperanto en Busano la 17an-18an de oktobro 2008 kun 172 partoprenantoj inkluzive 12 nekoreajn, kaj organizos la 41an en Seulo la 24an-25an de oktobro 2009.
2. La asocio organizis Vintran kaj Someran Tutlandajn Renkontiĝojn por Esperanto-lernado. Lastatempe en Daejeon, februare 2009, kaj en Gyeongju, aŭguste 2008 kun partoprenantoj pli malpli ol ĉirkaŭ 50.
3. La asocio organizis Tagon de Pioniroj en majo 2009. Ĉi-jare oni memoris s-ron KIM Sam-su kaj eldonis libron pri li.

4. Korea Esperanto-Asocio kaj Japana Esperanto-Instituto organizos Komunan Esperanto-Kongreson en 2011 kaj por prepari ĝin, ambaŭ partoj elektis po kvar komisionanojn.
5. Korea Esperanto-Junularo (KEJ) organizis Someran Kurson la 22an-24an aŭgusto 2008, kaj grupe partoprenis en la 27a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj.

SONG Ho-young, prezidanto de KEJ, estas nomumita kiel Komitatano A de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO).
6. Seula Filio de KEA kunsidas en ĉiu 3a ĵaŭdo. Ĉi-jare ĝi prenis organizan laboron de la 41a Korea Kongreso de Esperanto en Seulo, la 24an-25an de oktobro 2009.
7. Busana Filio de KEA ĉiumonate organizas lerno-kunsidojn de elementa kaj meza niveloj, kaj reeldonadas sian monatan bultenon 12-paĝan.

**Kursoj kaj Disvastigoj de Esperanto**

1. La asocio organizis lernokunsidon ĉiulunde vespere en septembro. 2008 - aŭgusto 2009 por lernigi Esperanton per la lernolibro *Enciklopedieto de Ĉinio* fare de HO Song. Ankaŭ la filioj de la asocio, nome Seulo, Busano, Daegu, Incheon, Iksan, Daejeon ktp. aktivas je kursado kaj disvastigado de Esperanto. Ankaŭ la universitataj Esperanto-rondoj tiel simile faras.
2. Universitatoj Dankook kaj Wonkwang kaj Hankook-Universitato de Fremdaj Studoj daŭrigas organizi Esperanto-kursojn kiel normalajn lecionojn. Tie instruas LEE Jung-kee kaj LEE Young-koo. La nombro de la lernantoj entute estas ĉirkaŭ 280-300.
3. Nam-kang-Esperanto-Lernejo (fondinto: BAK Wha-jong) organizadas landan (la 15an-16an de novembro 2008) kaj internacian lernokunvenojn en Cheongdo, interalie lastafoje ankaŭ en aprilo 2008.
4. Seula Esperanto-Kultur-Centro (estro: LEE Jung-kee) ĉiumonate daŭrigas organizi elementan kaj meznivelan kursojn. Ĝi havis ceremonion kaj simpozion memore al la 200a Kursokunsido la 30an de aŭgusto 2008.

5. Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (prezidanto: KIM Sang-ik) daŭrigas sian aktivadon. Ĝi organizis Internaciajn Meditadajn Kunsidojn la 3an de aŭgusto 2008 kaj la 4an de junio 2009.
6. Dajungnetwork-oficejo (reprezentanto: JO Jeong-hwan) ĉiuĵaŭde instruas Esperanton, fare de JEONG Hyeon-su, Paz.
7. Busana Supera Mezlernejo Isabel daŭrigas aktivadon de Esperanto (instruisto: BAK Jun-ho).
8. Incheona Virina Supera Mezlernejo Munil daŭrigas aktivadon de Esperanto (instruisto: EUM Il-sik).

**Disvastigo per Interreto**

La asocio havas TTT-paĝon kaj dank' al la aktivado de ĝiaj prizorgantoj kaj vizitantoj, tie oni povas aliĝi al la asocio kaj trovas informojn kaj lernilojn ktp., ankaŭ videokurson.

**Aliaj agadoj**

1. Espera Monto havas ĉiumonatan kunsidon.
2. SAT-Korea-membroj havas kunsidon en ĉiu dua monato.

**Nekrologoj**

1. Tri koreaj malnovaj esperantistoj kaj gvidkomisionanoj de la asocio, s-roj KANG Bong-gil , PARK Gang, kaj s-roj KIM Pan-sul forpasis, la du antaŭaj en aŭgusto 2008, kaj la lasta en aprilo 2009.

HO Song <hosong53@hanmail.net>

## Tre Valora estas "LEE Chong-Yeong, gvidanto nia"

Memore al la forpasinta d-ro LEE Chong-Yeong, KEA eldonis lian memorlibron, konsistantan el tri partoj: "Liaj vivo kaj agado", "Memoroj pri LEE Chong-Yeong" fare de famaj esperantistoj kaj "Liaj verkoj". Tiu ĉi libro klare montras, kiel granda li estis, kiaj devas esti kaj kion devas fari esperantistoj, kaj kio okazos en la estonteco. Mi estas multe kuraĝigita de tiu ĉi libro. Mi dankas al KEA pro tiu grava eldono. (HORI Jasuo)

## La 4-a Internacia E-Renkontiĝo de Ŭonbulismo

De la 25-a ĝis la 28-a de junio, 2009 okazis la 4-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Ŭonbulismo en la urbo Iksan, Koreio. En la renkontiĝo partoprenis 34 esperantistoj el 6 landoj (6 el Japanio kaj po 1 el Ĉinio, Tajvano, Germanio kaj Kongolando).

Dum la renkontiĝo okazis pluraj programeroj jenaj; Meditado-gimnastiko (KIM In-so), Koreaj insektoj (HONG Sung-cho), Pensoj de Sotesano kaj Zamenhof (WON Ik-sun), Religia Unuiĝo-Movado (KIM Tae-sung), Renkontiĝo pere de Skajpo (LEE Jung-kee) kaj Religioj en Tajvano (Cho Chaoming).

La 5-a renkontiĝo okazos venontjare en Koreio kun nova titolo 'Internacia Renkontiĝo de Meditado' de la 8a ĝis la 11a de aŭgusto, 2010.

Interesitoj turnu vin al s-ino KIM In-so <inso9@hanmail.net>

## Intervjuita en Korea Televido



Korea televido-stacio 'Kanalo 4' havis intervjuon kun LEE Jung-kee (prez. de KAEM) kun la titolo 'Jen estas internacia lingvo, Esperanto' dum 54 minutoj la 11-an de junio, 2009.

Enhavo de la intervjuo estis, kio estas Esperanto, kial Esperanto naskiĝis, kiel Esperanto estas uzata aktuale kaj kiom da Esperantistoj troviĝas en la mondo, kiamaniere oni povas lerni ĝin, kaj pri la funkcio de Seula Esperanto-Kulturcentro ktp.

Precipe la intervjuo tiris atenton de civitanoj pro tio, ke LEE prezentis aktualan interparolo-scenon pere de Esperanto en Skajpo kun kamerao kun franca esperantisto s-ro Michele Fontaine, kiu nun loĝas en Ĉinio. LEE Jung-kee" <esperanto@saluton.net>

Ĉinio

# Raporto pri Liaoning-provinca E-Asocio

**Informado**

Inter la 19-a kaj 24-a de junio 2009 Dandong-a Esperanto-Asocio (DEA) partoprenis en aktivado pri la 7-a Populariga Semajno de Sociaj Sciencoj organizita de Dandonga Federacio de Socisciencaj Asocioj. La aktivado laŭplane unue okazis en la plej vivplena komerco-strato kaj poste en loĝantaraj komunumoj. S-ro Lu Yan, prezidanto de DEA, kaj kelkaj membroj respondis al demandoj levitaj de homoj, kiuj venis al la fototabuloj, kaj disdonis amason da propagandaj materialoj al preterirantoj. Nemalmultaj interesatoj esprimis volon lerni Esperanton, eĉ post finiĝo de la aktivado kelkaj el ili telefonis aŭ iris al DEA por E-lernolibroj. Dum la aktivado gvidantoj de la urbodomo, ekz. s-ro Deng Baoquan, s-ro Chu Mingyu ktp. speciale spektis la fototabulojn de DEA, kaj instigis samideanojn serioze kaj pene propagandi Esperanton, kaj per ĝi servi al evoluo de Dandong aŭskultinte laboran raporton de DEA.

**Edukado**

Konsiderinte necesecon kaj urĝecon de parto da studentoj, kiuj estas lernantaj Esperanton kaj diplomiĝos el universitatoj. LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio) aparte reordigis instruan planon por ili kaj antaŭaranĝis ekzamenon de Esperanto en la 5-a de junio. Ĉirkaŭ 150 studentoj el Shenyang-a Muzika Universitato kaj Liaoning-a Universitato trapasis la ekzamenon kaj tre dankis la flekseblan decidon de LEA. Laŭ reguloj la restaj studentoj partoprenos ekzamenojn de Esperanto kaj Evolua Historio de Esperanto okazontajn en julio.

**Utiligado**

1. LEA kaj kultura grupo de Koreio atingis unupaŝan interkonsenton pri kultura interŝanĝo, inkluzive de la koreaj teo-kulturo, prelego de specialaj etiketoj kaj pedagogio, kaj la ĉinaj Manĉura kulturo,

Tajĝi-kulturo kaj historio de Qing-dinasito en Liaoning. Por tio s-ino Zheng Quan, vic-ĝenerala sekretariino de LEA, kiel reprezentanto speciale dufoje vizitis Koreion kaj diskutis pri kunlaboro kun la estrino de la grupo. Nun ambaŭ flankoj estas klopodantaj por realigi la unuan interviziton respektive.

2. Post serio da diskuto kaj intertraktado, LEA baze gajnis unikan agento-rajton, kiu estas eksterlande permesebla entrepreni produktojn de kompanio kun kvar-dimensia tekniko. LEA havos rajton uzi kaj mencii la nomon de la kompanio en ajna kazo post kiam la oficiala kontrakto estos subskribita kaj ekvalidos.

3. Helpe de la projekto Ĝemelaj Urboj LEA kaj la Nacia Asocio de Esperanto en Burundo (Afriko) aktive antaŭenigis kunlaboron pri ĝemeliĝo inter urboj. Je proceso de la laboroj du flankoj jam turnis sin al kontakto kun registaroj de la celaj urboj el interkonsiliĝo kaj dokumento-preparo inter asocioj.

Wu Guojiang Vic-prezidanto de LEA: <amikeco999@21cn.com>

# La 3-a Zaozhuang-a Internacia Festivalo

Dato: la 25an-27a de septembro 2009

Loko: Zaozhuang-a Universitato, Zaozhuang, Shandonga provinco

Temo: "Turismi en akva hejmloko norde de Kanalo kaj koni la antikvan urbon"

Enhavo: prelego, aŭkcio, arta prezentado, foto-konkurso, kino de Esperanto, bankedo en ĉina familio kaj kamparo, ekskurso al Konfucejo, Kanalo de Pekino-Hangzhou kaj Granato-ĝardeno

Kotizo: 50 usonaj dolaroj por studento, 200 dolaroj por japano

La kotizo inkluzivas loĝadon, manĝadon, trafikon kaj turismon en la urbo.

Ĉeforganizanto: Zaozhuang-a Esperanto-Asocio:

Wenhua Xi Lu, 23 Hao (1-F de TuShu Guan) Zaozhuang, Shandong, Ĉinio CN-277100 <semio@163.com>

Vjetnamio

# La 5a Nakiĝtago de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo

En bela, freŝa mateno de dimanĉo (28an de junio 2009) Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) solene festis sian 5-an naskiĝdatrevenon ĉe la oficejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (105 Quan Thanh strato, Hanojo).

Partoprenis ĉirkaŭ 50 gejunuloj, oni ĝoje gastigis delegitojn de VEA kaj diversaj E-societoj kun multaj floroj, fruktoj, dolĉaĵoj kaj donacoj. Dum pli ol 2 horoj, post parolado de fraŭlino Minh Nguyet, prezidantino de VEJO, pri bilanco en 5-jara periodo kaj plano por venonta tempo, oni senĉese kantis en la vjetnama kaj Esperanto, ĉiuj ĉeestantoj aranĝis al VEJO siajn gratulfrazojn sur paperetoj kaj laŭvice laŭte en Esperanto mem legis. Plej interesa estis glupapera ludo sub gvidado de fraŭlino Phuong (tute nova, juna komencanto, sed tutflua parolanto de Esperanto). Sur gluaj koloraj paperoj ludantoj ne nur lerte esprimis siajn sentojn pri la temo "Amikeco", sed ankaŭ mem klarigis siajn pentraĵojn en Esperanto. Ĝoje, june, fervore estis sentebla atmosfero de la 5a naskiĝtago de VEJO.

# Deklaro pri Oranĝa Agilo

La 2an de marto 2009, Usona Supera Kortumo faris decidon malakceptintan la plendon de vjetnamaj viktimoj de Oranĝa agilo kontraŭ produktistoj kaj provizantoj de la dioksin-riĉenhava kemiaĵo uzita de usonaj fortoj dum la vjetnama milito. La Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj, al kiu apartenas Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA), faris deklaron por protesti kontraŭ la maljusta kaj malmorala decido de usona Supera Kortumo. Ni deziras alvoki vin aliĝi al ni en la subteno de vjetnamaj viktimoj de Oranĝa agilo/Dioksino.

# Deklaro de Vjetnamaj Organizaĵoj por Paco, Solidareco kaj Amikeco por Protesti kontraŭ la Decido de Usona Supera Kortumo Refutanta Procesojn pri Oranĝa Agilo/Dioksino kontraŭ Usonaj Kemiaj Firmaoj

La 2an de marto 2009, Usona Supera Kortumo deklaris decidon aprobitan je la 27a de februaro 2009 por malkonsideri la procesojn registritajn de vjetnamaj kaj usonaj viktimoj de Oranĝa Agilo/Dioksino kontraŭ usonaj firmaoj, kiu faris la toksan kemian defolianton uzitan dum la vjetnama milito.

Ĉi tiu decido estas maljusta, malĝusta kaj malmorala!

Efektive, dum la vjetnama milito, tiuj usonaj firmaoj provizis la usonan armeon per milionoj da litroj de kemiaĵoj enhavantaj altan nivelon de dioksino por senigi ĝangalojn je folioj, kaŭzinte gravajn efikojn sur la sano kaj la vivoj de tiuj, kiuj estis eksponitaj al la kemiaĵoj kaj ankaŭ de ilia idaro, kaj antaŭ ĉio la vjetnamaj viktimoj. Miloj da usonaj, koreaj, aŭstraliaj kaj novzelandaj militveteranoj estas suferintaj la efikojn de la toksaĵo dum batalado en la vjetnama milito, tial ili mem kaj ilia idaro estas minacitaj de gravaj sanaj problemoj. Multaj internaciaj, vjetnamaj kaj usonaj sciencaj esploroprojektoj estas faritaj por pruvi ĉi tiun nerefuteblan veron. Usonaj kemiaĵo-firmaoj jam devis agnoski la sekvojn, kiujn kaŭzis Oranĝa Agilo/Dioksino kaj en 1984 ili devis kompensi 180 milionojn da dolaroj al usonaj veteranoj, kiuj asertis, ke Oranĝa Agilo/Dioksino estis kaŭzintaj sanproblemojn. En 1996, la usona registaro konsentis pri la efikoj kaŭzitaj de Oranĝa Agilo/Dioksino, pardonpetis al usonaj veteranoj kaj subvenciis miliardojn da dolaroj al tiuj usonaj viktimoj. En 2008, du usonaj kemiaj firmaoj nome Dow kaj Mosanto devis kompensi 61 milionojn da dolaroj por la publika sano kaj medikamento al 7000 koreaj veteranoj, kiu partoprenis la vjetnaman militon, kaj ankaŭ por iliaj familioj. Dume,

milionoj da vjetnamoj, kiuj estas rekte suferantaj la efikojn de la Oranĝa Agilo/Dioksino, kaj ilia idaro estas ĉiutage suferantaj pro kriplaĵoj kaj denaskaj difektoj, sed estas malakceptitaj de usona leĝinstancoj de la plej bazaj kaj ĝustaj rajtoj de la popolo, kiu estas rajto je vivo kaj rajto je justeco.

La Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj, la Vjetnam-Usona Societo, la Vjetnama Pac-Komitato, la Vjetnama Fondaĵo por Paco kaj Disvolviĝo, kaj aliaj vjetnamaj solidarecaj kaj amikecaj organizaĵoj plene subtenas la deklaron de Vjetnama Asocio por Viktimoj de Oranĝa Agilo/Dioksino kaj forte protestas kontraŭ la nepravigebla kaj nehoma decido de Usona Supera Tribunalo. Ni absolute subtenas la viktimojn de la Oranĝa Agilo/Dioksino por ilia persistemo al daŭra ambaŭ tribunala kaj publika batalado por justeco.

Kaptante ĉi tiun okazon, ni sincere dankas al internaciaj organizaĵoj kaj amikoj, kiuj subtenas vjetnamajn viktimojn de Oranĝa Agilo/Dioksino dum la lastaj jaroj. Refoje, ni alvokas ĉiujn pacamajn kaj justecamajn organizaĵojn kaj individuojn tutmondajn daŭre fortigi sian solidarecon, subtenon kaj helpon al vjetnamaj viktimoj de Oranĝa Agilo/Dioksino.

Ni alvokas la usonan registaron taŭge preni sur sin respondecon por transpasi la sekvojn de la milito en Vjetnamio inkluzive tiujn kaŭzitajn de kemia toksa disŝprucado fare de la usona armeo.

Justeco apartenas al la vjetnamaj viktimoj de Oranĝa Agilo/Dioksino!

Hanojo, la 6a de marto 2009

Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj
Vjetnamio - USA Societo
Vjetnama Paco Komitato
Vjetnama Fondaĵo por Paco kaj Disvolviĝo
Aliaj vjetnamaj organizaĵoj por Solidareco kaj Amikeco

Raportis Nguyen Xuan Thu <autuno32@yahoo.com>
Ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio

# Internacia Konkurso “HANOJO – VIA RENDEVUEJO’ 2009-2010

La Internacia Konkurso por Studado de Thang Long – Hanojo “Hanojo – via rendevuejo” estas organizita ekde 2000 kun ĉiujara malsama temo. Ĉiuj tiuj temoj proponitaj de la Organiza Komitato celas helpi internacian amikaron pli bone konatiĝi pri historio, kulturo de Thang Long Citadelo dum la pasintaj jarcentoj kaj de la hodiaŭa Hanojo. Dum la unuaj jaroj, la konkurso okazis nur en Esperanto, sed de 4 jaroj, ĝi ampleksiĝis al 6 lingvoj (angla, franca, rusa, ĉina, Esperanto kaj vjetnama). Ĉiujare la konkurso allogis milojn da partoprenantoj el multaj naciecoj en la mondo. Multaj elkoraj skribaĵoj esprimas profundan simpation al la ĉefurbo Hanojo, la porpaca urbo kun miljara tradicia kulturo, kie troviĝas multe da famaj historiaj vidindaĵoj kun amikema kaj gastema loĝantaro.

Por efektive kontribui al la agadoj orientitaj al la miljara jubileo de “Thang Long – Hanojo”, celante ankaŭ daŭre valorigi kaj heredi la sukcesajn atingaĵojn, la Organiza Komitato daŭrigas la perretan konkurson por 2009-2010 kun temo “Celante al la Miljara Jubileo de Thang Long – Hanojo”. Kompare al la antaŭaj jaroj, la enhavo de la ĉi-jara temo malsamas pro tio, ke krom la studado de historiaj konstruaĵoj kaj kulturaj heredaĵoj, la Organiza Komitato deziras inviti la internaciajn amikojn reveni al la origino, por studi la formiĝon kaj disvolviĝon de Thang Long - Hanojo tra la sinsekvaj periodoj, la urbo kun riĉa historia pasinteco, la dinamika porpaca urbo de la malferma periodo, la multfunkcia ĉefurbo, la nacia politika kaj administrada centro, la granda centro por kulturo, scienco, edukado, ekonomio kaj internacia komerca interŝanĝo adaptita al la bezonoj de konstruado kaj disvolviĝo sub ĉiuj aspektoj survoje al internacia integriĝo.

Vizitu nian ttt-ejon por pliaj detaloj: http://www.haufo.org.vn

Estro de la Organiza Komitato s-ino VU THI HAI
retadreso: haufo@fpt.vn ttt-ejo: http://www.haufo.org.vn

**Japanio**

# "Tago de Esperanto"

Antaŭ 103 jaroj fondiĝis "Japana Esperantista Asocio", unua organizaĵo de Esperanto en Japanio, kaj memore al tio la 12a de junio estas "Tago de Esperanto". Japana Esperanto-Instituto (JEI) organizis publike preleg-kunvenon la 14an de junio en Esperanto-Domo, Tokio.

Okazis tri prelegoj:

1) MIURA Nobuo, profesoro ĉe Kobe-Universitato:
"La rolo de traduko en la translokiĝo de civilizacioj"

2) KAWANISI Teturo, vicprezidanto de JEI:
"Pri la tempo Esperanto-movada, kiun travivis Zamenhof"

3) USUI Hiroyuki, Stud-eduka Fako de JEI:
"Kompara geopolitiko de KITA Ikki kaj Zamenhof - Periferioj en kaj ekster Eŭropo"

90 homoj amase kolektiĝis al Esperanto-Domo por la prelegoj inkluzive de la lastaj du, kiuj omaĝis al Zamenhof-jaro 2009. Furoris ankau la libroservo kaj bazareto de brokantaĵoj.



SYOZI Keiko Ĝenerala Fako de Japana Esperanto-Instituto
http://www.jei.or.jp/hp/esp.htm

# Esperanto-instruado en Supera Mezlernejo

En Ikedakita-supera mezlernejo en la gubenio Osaka, Japanio, jam 6 jarojn daŭras elektebla kurso nomata "Komprenu alilandojn" por la 3a-lernojaruloj (17-18-aĝaj) ekde 2004.

En tiu ĉi lerneja jaro (de aprilo ĝis la venonta marto) 15 gejunuloj elektis tiun ĉi kurson, en kiu ili elektas kaj lernas 2 el la 3 lingvoj (la ĉina, la korea kaj Esp) respektive duonjaron. Entute 11 gejunuloj lernas kaj lernos Esperanton. Ĉi-jare ni havas la kursojn marde (13:20-15:10) kaj ĵaŭde (10:45-11:35). Post sukceso de la lasta ekzameno la gelernantoj gajnos 3 stud-poentojn.

Ĝis nun multaj esperantistaj geamikoj donis al ni informojn pri gastoj el alilandoj, kaj foje ili mem akompanis tiujn al nia lernejo. Vere multaj esperatistoj subtenis nian Esp-kurson. Ni plu bonvenigas alilandajn esperantistojn, kiuj afable partoprenos en nia kurso kaj ĝuos interkomunikadon kun japanaj lernejanoj.

Ĉi-printempe ni renovigis TTT-ejon rilatan al tiu ĉi Esperanto-kurso: http://www.osaka-c.ed.jp/ikedakita/index.html
Bonvole vizitu ankaŭ la suban ejon, en kiu vi povas legi historieton dum la pasintaj 5 jaroj en du lingvoj (en la japana kaj Esperanto).
http://www.osaka-c.ed.jp/ikedakita/02-houshin/houshin05-01-esperanto.html HUĜIMOTO Ricko <fontoespera95@y4.dion.ne.jp>

# Aperis “Raportoj el Japanio 12”

Komence de junio aperis libro “Raportoj el Japanio 12” (12.3 eŭroj aŭ 16 usonaj dolaroj, 200 paĝoj en A5-formato).

En 1991 HORI Jasuo komencis verki eseojn pri Japanio, kaj ekde la jaro 1998 ĉiun jaron li publikigas librojn titolitajn “Raportoj el Japanio”, temantajn pri la antaŭjaraj okazintaĵoj en Japanio kaj vivoj de japanoj. La libroj temas pri “ĉio” pri Japanio, do ili estas tre utilaj por koni Japanion.

La 12a numero konsistas el 30 eseoj, ekzemple: Naciaj Festotagoj, Venenita *Gjooza*, Kontraŭbatalu, Japanaj Laboristoj, Japana Esperanto-movado kaj UEA, Dikuloj Maldikiĝu!, Tridek Mil Homoj Sin Mortigas en Ĉiu Jaro, Japana Komunista Partio, Religio en Japanio, Ĉu Budhismo?, Flegistoj kaj Prizorgistoj el Indonezio, Japanion Atakos Manko de Manĝaĵoj, Kvar Nobelpremiitoj el Japanio, Malespera Jarfino. Hori Jasuo

<horizonto@water.sannet.ne.jp>




**Israelo**

## La 10a Komuna Israela E-Semajnfino

La 10a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino (KIES) okazos fine de oktobro, en la jud-araba vilaĝo Neve Shalom (en Esperanto "Pac-oazo" mezvoje inter Tel Avivo kaj Jerusalemo. Pac-oazo havas Esperanto-retpaĝon <http://nswas.org/esperanto/index.htm>.

La KIES daŭros tri tagojn – de ĵaudo 22a vespere ĝis sabato 24a de oktobro. La kotizo por la tuta aranĝo (2 noktoj, 2 vesper- kaj maten-manĝoj, programo) estos 100 eŭroj.

Programo: la ĉeftemo estos "Paco kaj kunekzisto", i.a. ni konatiĝos kun la kunvivado de judaj kaj arabaj familioj en Pac-oazo. Ankaŭ estos multaj ekskursoj en la apuda bela naturo kaj interesaj lokoj: arbaroj, montaro, monaĥejoj ktp. Ni aparte bonvenigas eksterlandajn partoprenantojn, por kiuj ni aranĝos post la KIES turismajn vizitojn en Jerusalemo, la Morta Maro kaj aliaj turismaĵoj.

Pliaj informoj kaj aliĝo:

<ELI@esperanto.org> aŭ <amri@huji.ac.il>

**Nepalo**

# Nova Kurso de Espranto en Katmanduo



Okazis Esperanto-kurso en *School of Creative Communications* (Lernejo de Kreiva Komunikado) de 15a de julio ĝis la 15a de aŭgusto. Ĝi estas nova lernejo de arto, fotografio ktp.

Razen Manandhar (la kvara de maldekstre en la foto), la eksprezidanto de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA), instruis al 9 gejunuloj. La kurso okazis matene en lundo, merkredo kaj vendredo. Ĝi daŭris dum du monatoj. La lernantoj lernis la lingvon kun ĝojo. Sed por ili mankis tempo por praktikado. Ili ekĝuis Esperanto-muzikon per kelkaj diskoj, kiujn mi prunte donis al ili.

Dume, ĉiusabate ili kunvenis en la lernejo por praktikado. Gastoj, ekzemple s-ro Philip Pierce kaj s-ro Shree Pokhrel, helpis ilin en praktikado. Samtempe ili lernis ankaŭ retumadon per Esperanto. Kelkaj el ili jam aliĝis al "lernu.net" kaj volas rete praktiki Esperanton. Ili planas havi daŭran ĉiusemajnan kunsidon en proksima restoracio kaj malfermi komunan blogon. Du el ili jam planas vojaĝi al Mongolio por partopreni en la Azia Kongreso.

La gelernantoj nun serĉas korespondantojn. Interesuloj povas skribi al <razeno@gmail.com> por trovi retadresojn de la kursanoj.

Post la fino de la kurso, la lernejo invitos la prezidanton de Nepala Esperanto-Asocio por disdoni atestilojn al la kursanoj. Poste, ili ĉiuj petos membrecon de NEspA. La lernejo intencas daŭrigi Esperanto-kursojn regule.

Razen Manandhar <razeno@gmail.com>

# Mia Vizitoplano al Indonezio

Heidi Goes

En tri antaŭaj numeroj de "Esperanto en Azio" (numeroj 60, 61 kaj 62) vi povis legi miajn artikolojn pri la historio de la Esperanto-movado en Indonezio. Por pli bone esplori pri tiu historio, kaj ankaŭ pri la nuntempa tiea movado, mi planas vojaĝon al Indonezio. Kvankam ankoraŭ iom frue, mi volos sciigi al vi pri tiu vojaĝo, tiel ke tiuj, kiuj volus renkonti min, povas sufiĉe frue kontakti min pri tio, ĉar mi ne havas kontaktdatumojn de ĉiuj.

La 6an de novembro mi alvenos en Batam tra Singapuro. En tiu vespero komenciĝos la Azia Vegetarana Kongreso en Batam, kongreso kiun mi partoprenos, esperante povi iom prepari la partoprenon de TEVA (Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio) en la Internacia Vegetarana Kongreso en Ĝakarto, oktobre 2010. Troveblas informoj ĉe <www.avc2009.org>.

Post la oficiala kongresfermo la 8an de novembro, mi flugos (eventuale, unue al Balio kaj poste) al Javo, kie mi ŝatus renkonti gastfamilianojn, amikojn kaj esperantistojn, kaj krome esplori en bibliotekoj. La 24an de novembro mi reflugos al Belgio el Ĝakarto.

Mi planas iri minimume al (en tiu ordo) Jogjakarto, Semarang, Bandung, Bogor kaj Ĝakarto, ev. ankaŭ al Balio kaj Malang. Ĉu en Jogjakarto eblos renkontiĝi grupe? Mia gastfamilio en Jogjakarto loĝas tre proksime al la flughaveno, kaj certe bonvenigus vin. Mi ankaŭ ege ŝatus renkonti membrojn de la Indonezia Esperanto-Asocio en Semarang. Bonvolu iu kontakti min.

Ĝenerale indoneziaj esperantistoj, kiuj eventuale ankaŭ iros al tiu kongreso, aŭ kiuj pretas renkonti min (precipe en Batam, Balio aŭ Javo), certe helpus min, se ili sciigus tion al mi, kune kun siaj (ret)adreso kaj telefonnumero. Mi esperas, ke ekde oktobro mi povos sendi pli detalan programon al interesatoj.

Heidi Goes: <heidi.goes@gmail.com> Assebroeklaan 2, BE-8310 Brugge, Belgio, telefone: 0032 50 675178

# === Esperanto-eventoj 2009-2011 ===

* En la suba listo ne estas aldonitaj kontaktadresoj de E-aranĝoj. Se vi havos intereson pri tiuj, turnu vin al la redaktoro HORI <hori-zonto@water.sannet.ne.jp> aŭ la prezidanto de KAEM s-ro LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>.

## Azio

### 2009

9.3 ~ 4 / La 1-a Irana Esperanto-Kongreso / Irano

9.19 ~ 21 / La 41-a Friska Lernejo / Nose, Osako, Japanio

9.25 ~ 27 / La 3-a Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto / Zaozhuang-a Universitato, Zaozhuang, Shandong, Ĉinio

10.1 ~ 07 / Seminario pri Silka Vojo-Turismo per Esperanto / Samarkando, Uzbekio

10.3 ~4 / La  a Hokajda Kongreso / Sapporo, Hokajdo, Japanio

10.10 ~ 12 / La 96-a Japana Esperanto-Kongreso / Kohu, Jamanaŝi, Japanio

10.11 ~ 13 / Jarkunveno de Ĉina IKEF / Ŝanghajo, Ĉinio

10.15 ~ 16 / Seminario pri instruado de Esperanto en Lushan / Jianĝi, Ĉinio

10.17 ~ 18 / La 2-a Lushan Esperanta Forumo / Lushan, Jianĝi, Ĉinio

10.22 ~24 / La 10-a Komuna Israela Esperanto-Semajnfino / jud-araba vilaĝo Neve Ŝalom (Pac-oazo), Israelo

10.24 ~ 25 / La 41-a Korea Kongreso de Esperanto / Seulo, Koreio

10.31 ~ 11.1 / La 29a Kunloĝado de Kantoo-E-Ligo / Jacugatake-E-Domo, Japanio

11.7 ~ 8 / La 50-a Toohoku-Esperanto-Kongreso / Jonezaŭa, Jamagata, Japanio

11.21 ~ 22 /La 10-a Ĉjuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso / Kooĉi, Japanio

12.11 ~ 12 /Junulara Renkontiĝa Vespero / Harbin, Ĉinio

12.26 ~ 28/ La 28a Komuna Seminario / Nankin-a Universitato, Nankino, Ĉinio, Kontaktu: Jiang Limin <lamondo@163.com>

12.30 ~ 2010. 1.2 / Transjara Kurskunveno de EPA / Kameoka, Japanio

## 2010

6.5 ~ 6 (plano) / La 59a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio

6.5 ~ 6 / La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Nara, Japanio

6.19 ~ 23 / La 6-a Azia Esperanto-Kongreso/ Ulanbatoro, Mongolio

8.8 ~ 11La / La 5-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado / Seulo, Koreio

8.20 ~ 22 / La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio

10.9 ~ 10 / La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio

10.23 ~ 24 / La 42-a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

## 2011

10.7 ~ 9/ Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Busan Convention Bureau (BCB), Busano, Koreio
Samloke kaj samperiode en Busano okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

## Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

2010.5.27 ~ 31 / Rusia Esperantista Kongreso memore al la unua Rusia Esperanto-Kongreso en 1910, en kiu partoprenis Zamenhof / Sankt-Peterburgo, Rusio

2010.7.17 ~ 24 / La 95a Universala Kongreso / Havano, Kubo

2010.7.24 ~ 31 / La 66-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Los Cocos, Santa Cruz del Norte, Kubo

2010.?.? ~ ? / La 43-a ILEI-konferenco / provinco Matanzas, 90 km for de Havano, Kubo

2011.7. La 96a Universala Esperanto-Kongreso / Kopenhago, Danlando

# Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.

A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj・Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilandanoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Eldoni "Jarlibron" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj.

## KAEM membrigis jenajn aktivulojn al UEA 2009

Ĉi-jare UEA membrigis jenajn homojn el Azio laŭ la rekomendo de KAEM. Neniu petis la membriĝon el Irano kaj Taĝikio, kio estas bedaŭrinda afero.

Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Barato 4, Ĉinio 42, Pakistano 20, Filipinoj 3, Indonezio 2, Kamboĝo 1, Laoso 3, Mongolio 5, Nepalo 6, Srilanko 5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1, Vjetnamio 53
Sume: 150

**Afganio:** Samad Qarluq
**Azerbajghanio:** Shaig Bahram oglu Mammadov
**Bangladeŝo:** MUHAMMAD MAHBUBUL HUQ
**Barato:** s-ino S. Poorna, s-ro Rohan Dharwadkar, K. Naga Siva Kumar, s-ro Bhushan Umeshrao Patil
**Ĉinio:** Chen Zhi You, s-ro Cao Donghai, s-ino Gao Youming, s-ino Gong Xiaofeng, s-ro Han Daozhu, s-ro Han Zuwu, Hu Shangrong, Huang Mingzhong, Jiang Xiaofeng, Liang Naikeng, Lian Suling, Lin Leming, Liu Zhichun, Luo Jine, Ma Fengchen, Ning Shouren, Qiu Diming, Shen Chengru, Shi Huiping, Song Ping, s-ro Sun Shoude, Tian Chengkun, Wan Renping, Letian, s-ro Wang Shuyu, s-ro Wang Weidong, s-ro Weishan, Wen Gang, Xia Rongqiang, s-ino Xiong Zhouxuan, Xu Deji, Yang Haichun, Yao Kaishen, Yi Zhao, Zou jin,. Zhang Pinyi, Zhang Ping, f-ino Zhang Jiayu, Zhao Qing, Zheng Bocheng, Zhuang Jianping, s-ro Yuan Yi
**Pakistano:** s-ro Abid Ali Qureshi, s-ro Abid Hussain, s-ro Amir Bashir Bhatti, s-ro Asad Shah, s-ro Ashfaq Ahmad Bhutta, s-ro Ata Muhammad, s-ro Ghulam Akbar, s-ro Jamil Ahmad Parvaz, s-ro Khalid Rasheed, s-ro Muhammad Akram, s-ro Muhammad Akram Rongha, s-ro Muhammad Baqir, s-ro Muhammad Naseh Ajmal KHAN, s-ro Muhammad Nasir, s-ro Muhammad Punhal Kaheri, s-ro Shabbir Ahmad Sial, s-ro Sohail Kamran, s-ro Waseem Arsal, s-ro Zubair Ahmad Qasmi,. Mag.Tanvir BABER
**Filipinoj:** D-rino Lydia Liwanag, s-ino Ruchell Remolacio, s-ino Venus Cruz
**Indonezio:** S-ro Hazairin R. JUNEP, s-ro B.J.Haryono
**Kamboĝo:** CHHIM SOKHA
**Laoso:** S-ro KANNA BARAN s-ro Khotamy NENHUANGMALA, s-ro

Phonepaseuth LUANGLATH

**Mongolio:** s-ro Chimedtseren Enkhee, s-ino Dagva Gereltogtokh, s-ro Dogsuren Khurelbaatar, s-ro Dugar Altankhuyag, s-ro Balduuz Dorj

**Nepalo:** s-ro Poshraj subedi, s-ro Razen Manandhar, s-ro Himalal Parajuli, s-ro Cholnath Pokhrel, s-ino Indu Thapalia, s-ro Bharat Ghimire

**Srilanko:** S-ro Gayan Priyashantha Fernando, s-ro.Dayan Rajapakse, s-ro. Harsha E. Gamage, s-ro. Nirol L. Perera, s-ro Zeiter Perera

**Tajlando:** s-ro Zelimir Pehar

**Turkio:** S-ino Sevdiye KATIRCIOGLU

**Uzbekio:** s-ro Anatoli Ionesov

**Vjetnamio:** Bui Hong Phuong, f-ino Dang Ngoc Nhan, f-ino Dao Mai Anh, Dinh Thi Tuyet Nhung, s-ino Do Thi Vuong, Duong Dinh Loi, f-ino Duong Thuy Linh, f-ino Duong Tu Kieu, s-ino Hoang Thi Chinh, s-ro Ho Khue, s-ro Hong Hac, Le Minh Thu, s-ro Le Thanh Tung, s-ino Le Thi Cao Truong, f-ino Le Thi Hai Minh, Le Thi Phuong Lan, s-ro Le Trong Khanh, s-ino Le Tuet Thanh, s-ino Luong Ngoc Bao, s-ro Mai The Sy, s-ino Ngo Thoy Moi, s-ro Nguyen Anh Thu, s-ino Nguyen Bac Vu, s-ro Nguyen Duc Manh, s-ino Nguyen Hong Nguyen, Nguyen Huu Phuc, s-ro Nguyen Huy Thinh, s-ro Nguyen Minh Toan, Nguyen Ngoc Hoa, s-ino Nguyen Phong Mai, f-ino Nguyen Thanh Van, s-ino Nguyen Thi Hieh, Nguyen Thi Minh Nguyet, f-ino Nguyen Thi Minh Trang, f-ino Nguyen Thi Nep, s-ino Nguyen Thi Ngoc Lan, s-ino Nguyen Thi Thom Thom, f-ino Nguyen Thi Xuan Mai, s-ino Nguyen Thu Quynh, s-ro Nguyen Xuan Thu, s-ro Nguyen Van Ha, s-ro Nguyen Van Phach, s-ro Nguyen Vivh, f-ino Pham Thi Phuong Nhung, s-ro Pham Van Dong, s-ro Phan Hong Vuong, f-ino Tran Hue Quang, Tran Thanh Tuyen, Tran Thi Thu Suong, f-ino Trinh Hong Hnah, f-ino Truong Thi To Hao, s-ino Vo Thi Kim, s-ro Vu Van Huy

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto)<esperanto@saluton.net>
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc38@yahoo.com.vn>
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
   <ranganayakulu@gmail.com>

Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio
5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino Esthi SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio:

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado)/ s-ino TAHIRA Masako (provlego)/ s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ro NA Byung-do

**UEA**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato) <probal53@yahoo.com>
S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27